# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 25/03/2012 Trideknaŭa Eldono 2012 26/03/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligiloj" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

**GRAVAJ DATOJ** (se erara, informu min. rspring@tpg.com.au)

ESPERANTO 125 1887-2012

La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012,

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.

Jonatthan Cooper prelegas pri "Moderna arto": 26 majo 2ptm Esperanto Domo, Redfern

**Esperanto** havos 125 jarojn je 26a Julio, 2012

NUNONIA Nun Nia" **Novaĵo de la Mondo. Esperante** http://nunonia.com/

Monda ĵurnalo, ĝisdata novaĵo, bona esperanta ekzercado.

# ADRESARO/JARLIBRO 2011-12

Karaj Legantoj,

Ni ĝoje anoncas ke homoj jam komencas aliĝi al la. Inter la unuaj aliĝintoj estas tri el niaj plej kleraj profesoroj, Ronald Gates, Daniel Kane, kaj Donald Broadribb. Jam aliĝis ankaŭ kelkaj redaktoroj de aŭstraliaj E-gazetoj kaj -novaĵleteroj kaj Kay Andersen, ĉef-organizanto de la 2012 AEA-jarkunsido (28 septembro - 1 oktobro en Brisbano). Ni povas kontakti Kay por informiĝi aŭ fari proponojn ĉe PO Box 186 MOOROOKA 4105 aŭ <kjand@ozemail.com.aŭ>

Bedaŭrindas, ke kvankam la kalendaro de E-eventoj 2012-2013 en la marta numero de *Esperanto-Revuo* listigas 107 E-eventojn en pli ol 30 landoj inter marto 2012 kaj julio 2013, aperas, tamen, eĉ ne unu evento en Aŭstralio - nek nia AEA-jarkunsido en Brisbane en septembro 2012 nek nia AEA-somerkursaro en

Sidnejo en januaro 2013.
La kalendaro de *Heroldo* ankoraŭ ne aperis pro la ĉi-jara neapero de kelkaj numeroj de tiu gazeto.

Dankojn kaj gratŭlojn al *AE* pro ĝia aperigo de ties detaloj!
Bob Felby kaj Max Wearing.
Bob Felby esperantobob@bigpond.com; Max Wearing mwearing@internode.on.net

# "Aŭstraliaj Esperantistoj" Adresaro

"La Aŭstraliaj Esperantistoj" adresaro **malsimilas** de la proponita ADRESARO/JARLIBRO
**ĉar ĝi ne estas disponata al individuaj Esperantistoj aŭ petantoj..**

La AE liston mi preparis de malnovaj listoj kaj novaj aliĝantoj al la novaĵletero.
Ĝi ebligas la amasan elsendon da informo, gazetoj kaj novaĵo al ĝia legantaro

La retadresoj mi kontrolis per la elsendo de la novaĵleteroj. Oni resendas la fuŝaj retadresoj kaj mi forigas ilin de la listo da retadresoj, kiu havas 190 nomojn.

Mia kolekto da Esperantistaj nomoj havas multajn stratadresojn. Ankaŭ mi sendis Telopeon al EFNSK anoj kiu ne havas retadreson, kaj per la poŝta resendo da fuŝajn leterojn mi kontrolis la liston. EFNSK havas 40 nomojn sen retadresajn

Pri la aliaj nomoj kolektitaj, mi ne scias ĉu la esperantisto estas morta, aŭ ne plu interesas je Esperanto. Do tiu parto de la listo nun estas ne uzinda. Ĝi havas 140 nomojn
Roger Springer rspring@tpg.com.au

再见中国武汉 您好澳大利亚悉尼

## ROGER HEJMVENOS DE ĈINIO FINAS 3 MONATAN VIZITON





Dum mia edzinfamilia vizito al Wuhan Ĉinio, mi nur vidis 2 ne ĉinajn homojn.
Kiu diras ke la angla estas komprenata ĉie!! Multaj studas. Treege malmultaj parolas
Mi, 罗杰 ， revenos al Sidnejon la 28a marto. Roger Springer rspring@tpg.com.au



# EFV Ekskurso al Balarato.

Kiel parto de la Esperanto125 festoj ĉijare, la anojo de la Esperanto Federacio de Viktortio vojaĝis al la bela urbo, Balarato, kiu situas ĉirkaŭ 120 kilometrojn de Melburno.

Sinjoro John Adams, la prezidanto, bonvenigis la 16 vizitantojn, Post kaftrinko, la vizitantoj promenis tra la belaj begonia-floroj en la botanika ĝardenoj. Ankaŭ ni vizitis la interesan art-galerio kie posedas famajn pentraĝojn de McCubbin, Hans Heyson, Von Gerard, ktp.

Ankaŭ tie estas la historie grava standardo de la ribelo de la orministoj en 1854 – la Eureka standardo.

Post kaj interesa kaj agrabla vizito, ni iris hejmen dum du hora vojaĝo.

Ivan Heldzingen ivan@melburno.org.au



La familo de mia edzino. Patrino la 6 filinoj kaj 5 nevoj alie
Nun vi nur rajtas naskigi unu infanon .Do multaj familoj estas pli riĉaj ol antaŭe

La x-sistemo (kaj la h-sistemo, antaŭe) ekzistas por solvi teĥnikan problemon - problemon kiu dank' al unikodo ni ne plu havas. Do la vere ĝusta respondo al la demando estas uzi nek cxu nek chu sed lerni kiel tajpi la unikodajn literojn per via komputilo. http://www.reddit.com/r/Esperanto/

## Vortoj de "Lernu" Plenigaĵo de paĝo

ĴURI
1. Preni Dion aŭ ion sanktan kiel atestanton:
Mi ĵuras per la nomo de la patrino.
Ĵuri per la barbo de l' profeto.
Ĵuri kaj reĵuri.
Hodiaŭ oni atestas la ĵuradon de la novaj advokatoj.
2. Atestante iun aŭ ion sanktan, promesi ion:
La geedzoj ĵuris fidelecon kaj amon ĝis la morto.
Li ĵuradis, ke li ĉiam min amos.
La ŝafo estas priĵurita al Dio.
3. Atestante iun aŭ ion sanktan, devontigi sin al ia ago:
Li ĵuris, ke li ne plu drinkos.
Ni faris ĵuran interkonsenton.
Ŝi ĵurigis min, sed ŝi mem ne ĵuris.
4. Solene aserti, ke io estas vera:
Pri nenio oni povas ĵuri.
Tro forta ĵuro - la afero ne pura.

PRAKTIKO
Apliko de la reguloj aŭ principoj de arto aŭ scienco, kontraste kun la teorio:
Ŝi finis la universitaton kaj komencis medicinan praktikon.
Ni faris longajn praktikajn provojn kun nia projekto.
Montriĝis, ke la instrumento estas tre praktika.
Ĉiuj viaj konsiloj estis praktike senutilaj.
Homoj venas al la aranĝoj praktiki Esperanton.
Mi ĵus komencis praktikadon.
Ĉi tie laboras multaj praktikistoj.
Povas esti, ke kelkaj flankoj de la regularo poste montriĝos nepraktikaj.

SCENO
1. Divido de akto, dum kiu la agado estas kontinua, aŭ (speciale en la franca teatro) ne okazas eniro aŭ eliro de roluloj:
La spektaklo kaptis atenton jam de la unua sceno.
Iu damaĝis ĉiujn scenajn akcesoraĵojn.
Mi tre ŝatis la scenaron kaj pro tio konsentis aktori en tiu filmo.
Kaj nun ni invitas la prezidanton veni sur la scenejon!
La baleto jam estas surscenigita.
2. Priskribo kun pli-malpli abrupta komenco kaj fino, de parto de ies vivo kaj simile:
Lia verko prezentas unu el la scenoj de la ĉiutaga vivo.
3. Okazo eksterordinara, emocia, interesa, kiu povus esti la temo de teatra prezento:
Homoj trankvile observis tiun scenon.
La edzino faris scenon de akraj riproĉoj al la edzo. Ili enscenigis al mi belan surprizon.